# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo

http://ateisto.org




Nº 19

Novembron de 2014

## Vorto de la redaktoro

La ĉijara kongreso en Bonareo ne restos rekordo koncerne la nombron de partoprenantoj, tamen la kunveno de ATEO estis sukcesa. Bedaŭrinde ne multnombras sudamerikaj membroj en nia asocio. Sed plenigo de kongresa salono estas nenegebla konkreta rezulto. Ĉu pro scivolemo en kontinento tradicie religiema, ĉu pro atea konvinko kiu nun trovas vojon por sin esprimi, ĉu pro la evidenta evoluo de la situacio pri disigo de la Eklezioj kaj de la Ŝtatoj en kelkaj landoj (tipe Bolivio kaj Urugvajo) ? La partoprenantoj mem povus respondi. Se venos ĝis la venonta numero kelkaj atestoj pri tiu sperto, mi kompreneble publikigos ilin, eĉ se nur du monatojn antaŭ la posta kongreso en Lille. Momente pri la Bonaera kunveno raportas la animinto, Claude Nourmont, kaj prezentas skize la Usonan situacion Franklin Montenegro-Rodas.

Tiu nova numero de nia bulteno entenas cetere plurajn disajn temojn kaj vidpunktojn, kiujn vi malkovros laŭpaĝe.

Sekvas konfrontado de du malsamaj opinioj post legado (relegado ĉar jam aperis recenzo en la 13ª numero) de la libro por infanoj *“**Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido**”*. Ŝajnas efektive ke tiu libreto neintence sublevas kelkajn konatajn problemojn, ekzemple :

Ĉu eblas respekti kaj ne ofendi homon, eĉ se mokante ties religion aŭ ĝiajn reprezentantojn ? Ĉu blasfemo aŭ karikaturo povas esti deliktoj ?

Ĉu kritiko de religio de iam persekutita popolo, ne riskus esti asimilita kiel formo de rasismo, almenaŭ kiel longigo de tiu persekuto ?

Kiu parto de la edukado de la infanoj estas privata kaj familia, kiu parto estas socia kaj kolektiva ?

Ĉu necesas klarigi ateismon al infanoj aŭ konsideri ĝin evidenta kaj ignorinda ? Ĉu ni bezonas ĉirilate imiti la konduton de la kredantoj mem ?

Sendepende de la valoro de tiu beleta infan-libro, ĉu ne estus oportune pli vigle debati pri tiuj temoj en la venontaj numeroj ? Jam Jakvo Schram klare pritraktas kelkajn el tiuj temoj en tiuj ĉi paĝoj.

Kiel nun regule, recenzo sekvas, ĉifoje pri la pensinstiga libro de André Cherpillod : “***La Biblio – ĉu historio ? ĉu legendoj ?***”

Fine de tiu bulteno revenas la alvoko ŝanĝi la ŝildon de ATEO, sub formo de du proponoj kaj unu reago, de du el niaj legantoj. Estus vere utile ricevi viajn preferojn pri tio, kaj definitiva decido sekvos meze de 2015.

Dankon al la kontribuintoj, kaj bonan legadon.

*Christian Rivière (Francujo)*

Kara leganto de Ateismo,

ATEO nun havas sian propran retejon. Vi trovos ĝin ĉe http://ateisto.org. Ĝi ankoraŭ bezonas iom da prilaborado, sed jam estas sufiĉe bone prezentebla.

*Anna Lowenstein*
*sekretario de ATEO*

## Ateismo en Ameriko

(kunveno dum la UK en Bonaero)

La kunsido bone okazis. Pri anoncado, mi nur metis tagmeze iun folion por informi pri la kunsido kaj pri ĝia temo.

La saloneto (por 30 homoj) estis plena je mi granda miro, ĉar mi opiniis, ke venos nur manpleno da homoj, t.e. la sinanoncintoj kiujn mi re-ret-atentigis en la antaŭa nokto, kaj kelkaj iliaj amikoj.

La temo estis "Ateismo en Ameriko". Pro teknika faciligo, unue José Lunazzi prezentis interesajn humurajn bildojn pri la problemoj en Brazilo (la teknikisto ligis mian komputilon al la projekciilo, kaj José enmetis sian memorbastoneton). Poste Orlando Raola rakontis pri eĉ pli malbona situacio en Usono, kaj finis la rondon Franklin Montenegro el Usono. Ne estis multe da tempo por diskuto, sed videble la ĉeestintoj estis kontentaj pri la kunsido.

*Claude Nourmont (Luksemburgio)*

## Religio en Usono de 1980 ĝis nun

**Liberala protestantismo,**
**sekularismo kaj**
**UU-anismo**

De 1980 ĝis nun la situacio multe ŝanĝiĝis. La tendencoj estas :

1. La nombro de Protestantoj (konservativaj) kreskas. Ekzemple :
   . pentekostanoj, origine je 1,2 milionoj, nun duobliĝis ;
   . sudaj Baptistoj (tre granda grupo) iom kreskis je 3,6 milionoj.
2. La nombro de liberalaj Protestantoj malkreskas. Ekzemple :
   . presbiteranoj malpliiĝas, ili jam perdis 40% (t.e. 1,6 milionojn), sed perdas nur la liberalan flankon, dum la konservativa flanko kreskas ;
   . metodistoj iom malpliiĝis.

3. La nombro de sekularuloj (nereligiaj) rapide kreskas. Pli-malpli 6 % de la usona loĝantaro en 1980, ili nun estas proksimume 20%.

Kunestas la UU-anismo (Universalaj Unitarianoj) , senkreda kongregacio, inkluzive de :
. toleremaj teistoj (diversaj kristanoj, judoj, islamanoj, religiaj budhistoj, paganoj, ktp) ;
. sekularuloj (ateistoj, senreligiaj budhistoj, agnostikuloj).

Tiu grupo estas karakterizata de :
1. forta socia aktivismo ;
2. toleremo kaj diverseco ;
3. progresemaj vidpunktoj : politike, religie, ekonomie, aŭ pri la medio.

Ĝi kreskis je 35% (t. e. proksimume 55000)

*D-ro Joe Baker, Profesoro pri sociologio ĉe Ŝtata Universitato de Orienta Tenesio, Usono*

*Dirita de Franklin Montenegro-Rodas dum la kunveno de ATEO (UK)*

## Germana kongreso en Erfurt

Ne estas pli ol cent paŝoj de unu preĝejo al alia en Erfurt, kie okazis dum Pentekosto la 91[a] Germana Esperanto-Kongreso. La urbon dominas impona katedralo sur monteto. En la urbo estas dekduo da preĝejoj de la plej diversaj grupoj kaj monaĥaj komunumoj. En la abatejo de la Aŭgustinoj vivis Martin Luther dum siaj studjaroj kaj li poste predikis en alia preĝejo.

Proksime al la kongresejo en religia gimnazio estis la "Predigerkirche" kie okazis laŭprograme la ekumena diservo. Laŭ taksado de pastro, kiu kapablas rapide kaj ĝuste nombri siajn ŝafidojn, ĉeestis naŭdek homoj. Du trionoj de la kongresanoj do elektis la komunan adoron de Dio.

Malfavora situacio por ĉiuj Esperantistoj, kiuj povas imagi ekziston sen Dioj. La prezento de ATEO kiel fakasocio de UEA, okazis dum la kunveno de la kristanoj sabaton la 7[an] de Junio 2014. Por atentigi la kongresanoj al tiu evento, estis disdonata invitkarteto matene en la aŭlo, dum kaj post la oficialaĵoj. Tiam multaj rekonis, ke ili inklinas al ateismo aŭ eĉ ke ili estas membroj de ATEO. Aliaj neniam aŭdis pri ATEO kaj promesis veni. Kompreneble multaj kristanoj rifuzis la informilon aŭ konfesis, ke ili havas alian programeron. Kelkaj demandis, ĉu nur por membroj, aŭ ĉu neateisto povas partopreni.

La salono por la kunveno ne estis tute taŭga. Rearanĝo de la seĝoj faciligis la komunikadon. Malantaŭ la tablo de la kunvenestro Roland Schnell, prezidanto de ATEO, estis pendigitaj kelkaj pligrandigitaj titolpaĝoj de la revuo.

En la diskuto estis prezentataj la diversaj tendencoj de ateismo kaj kontraŭreligiaj vivkonceptoj. Kelkaj neis la neceson de organizo, kiu ligas ateistojn, humanistojn kaj liberpensulojn. Aliaj bedaŭris, ke ATEO ne pli ofte aperas en la publiko. Ĝenerale la diskuto estis sufiĉe harmonia kaj eblis prezenti la revuon kaj la libron "Kiel ni povas trovi Dion ?, demandis la eta porkido". Dek personoj indikis siajn nomojn, dum aliaj rifuzis. Kelkaj per indiko de la adreso montris, ke ili deziras ricevi pliajn informojn.

*Roland Schnell (Germanujo)*

## Ĉu ateisto aŭ agnostikulo ?

Jean Marin (Francujo) skribis : "Estus interese fari konsulton inter la abonantoj de « Ateismo » por scii, kiom da ili konsideras sin kiel ateisto, kaj kiom kiel agnostikulo, kaj havi la vidpunkton de ambaŭ."

Mi opinias ke por pridiskuti ĉi aferon oni bezonas klarigi iujn konceptojn. Tiun de dio kaj tiun de agnostikulo.

Pri kio di-kredantoj parolas kiam ili mencias Dio-n (majuskle ne hazarde). Laŭ mia vidpunkto ili parolas pri estulo kiu kreis universon kaj ĝin transcendas, t.e., estulo tute sendependa de la universo el kiu la universo dependas. Ili konsideras la transcendan Dion realaĵo, nature tute malsama kiel la universo, t.e. spirita, eterna, infinita Dio male al materia, neeterna kaj limigita mondo. Ateistoj neas ĉi aserton.

Do, tia dio ne ekzistas por ateistoj.

Kio restas al ateisto ? Ĉu neeterna kaj limigita mondo ? Se tio, mi dirus ke ateisto estis katenita de la diista logiko. Ĉi logikon, kiu dividas la realon inter limigita materio kaj infinita spirito tute disigitaj oni devige detruu ĝin, kiam oni kontraŭas transcendan realaĵon. Kontraŭi transcendan dion signifu postuli universon absolutan, t.e. materian kaj spiritan universon eternan kaj senliman, do ion absolutan, kies atingoj oni ne tute komprenas. Pro tio, oni sin ne prezentu kiel agnostikulo (etimologie tiu, kiu ne agnoskas, ĉirilate tiu, kiu ne konas la absoluton) sed ateista agnostikulo, tio estas ulo kiu kontraŭante transuniversan realaĵon postulas universon absolutan sendependan kvankam ne entute kompreneblan (almenaŭ je la nuna atingnivelo de la homa kompreno). Kial ne komprenante la absoluton, oni postulas ĝin por la universo ? Nu ... pro tio, ke neabsoluta universo ne estas pensebla. Sed tio estas afero rediskutinda.

Ne estas opono inter esti agnostikulo kaj ateisto.

Se mia vidpunkto akcepteblas ne eblas apliki la proponon de Jean Marin.

*Luís Ladeira (Portugalujo)*

## La libereco ne kredi

Homoj estas interesaj estaĵoj, ankaŭ strangaj, de tempo al tempo bizaraj. Homoj ofte pensas, ofte ne pensas aŭ tro pigras por pensi, sed ĉiu homo havas opinion kaj strange, li aŭ ŝi, plejofte li mi konjektas, apenaŭ povas akcepti ke alia homo havas alian opinion.

Estas preskaŭ universala, monda kutimo ke, kiam naskiĝas nova homo, la gepatroj enkondukas la infanojn al unu aŭ alia kredo.

La infano ne plu estas memstara individuo sed dank' al decido de la gepatroj ĝi apartenas al iu kredo aŭ jes ankaŭ eblas, al politika koncepto.

Katolikoj aŭ homoj kiuj apartenas al kulturo kie katolikismo estas la plej grava kredo, iras al preĝejo kaj petas de pastro ke li baptu la infanon, tiel zorgante ke la infano post ekmorto ne tuj iros al infero. Homoj parolas pri dioj kiuj ofte estas malagrablaj personoj — la dioj — kiuj punas homojn kiam ili ne vivas laŭ la diaj ordonoj. Problemo nur estas ke ĝis nun, neniu homo jam parolis rekte kun iu Dio. Ho jes, estas infanoj, plejofte virinetoj kiuj jam parolis kun sankta virgulino kaj tiu okazaĵo helpas la komercon, ĉar la loko fariĝas sankta kaj miloj da homoj venas viziti la lokon kie aperis la sankta virgulino.

Dum la historio de la homaro, la kredo, la eklezio, la Mohametoj, Jehovoj, Dioj ktp, ktp certe helpis potenculojn subpremi la plebanaron. Pastroj kaj papoj, rabenoj kaj aliaj gvidantoj de kredoj, cerbo-toksis junajn homojn pri la danĝero de vivo sen Dio.

Ni, la homoj devas respekti kaj kredi. Respekti la mensogojn kaj manipuladojn fare de la gvidantoj de malsamaj kredoj, kaj kredi pri ekzisto de ununura Dio.

Ĉu kleraj sciencistoj jam faris studojn pri la damaĝo kiun kredoj donas al la vivo de junaj homoj? Ĉu oni jam studis kiel longe daŭras antaŭ ol cerbolavitaj infanoj povas forigi el sia menso la timon pri dio aŭ pri la ekzisto de iu Dio ?

Plej freneze estas ke la alportantoj de fantaziaĵoj ricevas subvencion de la ŝtatoj. Plej verŝajne ĉar la ŝtato rekonas en la

kredo, subtenantojn de la projekto submetigi homojn al scenaro kiun li aŭ ŝi metis ĉirkaŭ propran menson.

Feliĉe ekzistas aliaj homoj. Homoj kiuj ne balastas siajn proprajn idojn per ideoj pri diabloj kaj dioj. Homoj kiuj klopodas doni al la infanoj la liberecon de la scienca esplorado, la liberecon diskuti pri la vivo, sen ke iu fortimigas la grupon per rakontoj pri inferoj.

Tiuj homoj ne devigas la infanon surmeti ĉapeleton, vualon, aŭ burkon. Tiuj infanoj ne devas surgenui antaŭ bildoj de imagitaj sanktuloj, nek devas iri al sanktaj lokoj.

Kiu kreis la potencon de la mensogo ? Kiu subtenas la potencon de la mensogo ? Kial kleraj homoj, saĝaj homoj akceptas ke kredoj ludas politikan kaj publikan rolon en la socio ?

Ekzistas pli inter ĉielo kaj Tero ol homoj povas imagi ! Jes tio estas vero, sed nia malkapablo kompreni ĉiun enigmon de la vivo, de la naturo ne donas al ni la rajton subpremi aliajn homojn per fantaziaĵoj pri dioj kaj aliaj frenezaĵoj kies sola celo estas regi la homojn, regi la homaron.

Kiel liberpensulo, mi respektas la privatecon de ĉiuj homoj. Ĉu ili kredas pri dioj aŭ aliaj sistemoj kiuj katenas la liberecon de homoj, sed ĉu eblas plu teni la privatajn sensencaĵojn privataj ?

Kiam iuj homoj havas la liberecon kredi je Dioj, la liberpensulo devas havi la saman rajton, bazi sian saĝecon al faktoj kaj sciencaj veroj de la momento. Bedaŭrinde ofte fanatikaj kredantoj ne akceptas ke estas saĝaj homoj, kiuj preferas bazi siajn konojn je scienca esploro kaj ne je dioj.

Estu libera kredi je dioj, lasu al mi la liberecon kredi en faktoj.

*Jakvo Schram (Belgujo)*




## Sperto en Irano

Mi legis la artikolon de Anna "Ĉu vualigi aŭ ne vualigi ?" kun granda intereso. Aŭskultu mian propran sperton en Irano.

En la 24-26[aj] de marto okazis la Unua Irana Esperanto-Kongreso en Teherano. Mi partoprenis en ĝi kun tri japanaj esperantistoj.

Antaŭ la vojaĝo mi aŭdis la averton de vojaĝ-agentejo, ke virinoj kovru la korpon kaj la harojn laŭ islama leĝo. Se ne, viroj voluptemos. Kial viroj emus amori kun mi tiom maljuna kaj malbela ? Ĉu ne gravas maljuneco sed sufiĉas nur ineco eĉ sen amo ? Kial mi devas obei islamismon estante ateisto, eĉ alilandano ? Sed por sekureco mi kunportis skarpon kaj nigran kovrilon.

La devigo komenciĝis tuj kiam mi eliris el aviadilo en Teherano. Antaŭ la pordo de la aviadilo oficistino ordonis min kovri la kapon. Ĉu mi protestu kontraŭ ŝi ? Mi rezignis protesti timante eventualan malpermeson eniri en Iranon.



Antaŭ la kongreso esperantisto gastigis min siahejme. Liaj edzino kaj filino eĉ hejme kovras sin. Kiel ili dormas, kun la kovrilo aŭ sen la kovrilo, mi ne scias.

Dum la kongreso ĉiuj virinoj inkluzive de eksterlandanoj kovris la hararon kaj kaŝis la korpan figuron. Kiam mi aŭkciis, pro mia vigla movo la kovrilo falis planken. Mi volis daŭre aŭkcii, sed viro tuj atentigis min rekovri min.

Ŝajnas al mi oportune havi kovrilon en malvarma vetero. Sed en varma vetero la kolo ŝvitas pro la nodo de skarpo. Tian malkomforton ne komprenus viroj. Se la kongreso okazus en somero, certe mi freneziĝus pro varmego kun ŝvitoj en skarpo. Antaŭ ĉio malplaĉas al mi la devigo pro viroj kaj por viroj kontraŭ virinoj.

Mi tre bedaŭras, ke mi forgesis demandi al irananinoj, kiel ili mem opinias. Mia iama irana korespondantino, juna esperantisto, konfesis al mi, ke se ŝi ne kovras sin, kiel faras eŭropanino, ŝi sentas sin nuda kaj hontas antaŭ viroj. Mi pensas, ke tio venis de la edukado ekde la irana aŭ islama revolucio en 1979. Ŝi aldonis, ke se virinoj kaŝas sian korpon antaŭ viroj, tio pli efikas al viroj supozi ilian belecon. Ĉu virinoj devas tiel sklaviĝi sub viroj ?

Se mi naskiĝus en Irana Islama Respubliko, mi ne rajtus esti ateisto. Sed mi kredas, ke mi certe deziros havi liberecon senvualigi min, malakcepti la religion, ĉar dank' al Esperanto mi konas vastan mondon pri libereco kaj mallibereco.

*Tahira Masako (Japanujo)*

tahira-masako@nifty.com

## Kial mi estas nekredanto ?

Estus logike pensi ke estas pro nekredo. Fakte estas inverse : estas pro tro longa aŭskultado de predikoj kaj ĉefe troa studado de la Biblio kiuj deturnis min de ĉia kredo.

La kialoj estas simplaj, sed mi donas ilin nur al tiuj kies fido estas tiel forta ke ĝi ne riskas ŝanceliĝi pro miaj diroj.

Ĉar esti kredanto estas fortuno : ĉe la lastlasta momento, kiam oni devas forlasi la mondon, la kredanto posedas la gravegan bonŝancon pensi ke li ne tute mortos, ke lia animo plu vivos, kaj ke, plej malbone, post kelkaj jaroj ĉe Purgatorio, li vivos tutan eternecon en beateco, sidante ĉe la dekstra flanko de la Sinjoro.

Por la ateisto, tio kio atendas lin post la morto estas multe pli timinda : estas la neevitebla putro de lia korpo, formanĝita de fibestetoj, kaj ankaŭ la morto de lia animo : la nenieco.

Pro tio estas senlime pli malfacile esti ateisto ol kredanto.

Kial, nun, post jaroj da pripenso, medito kaj studo mi ne plu povas kredi ?

Simple sufiĉas legi la Biblion kaj

kompreni kion ĝi diras. Kaj ĝi diras ke Dio estas ĉiopova, ke Ĝi konas Estintecon, Estantecon, kaj, tio estas tre grava, Estontecon.

Kreante Homon, **Ĝi do sciis** kion tiu ĉi kapablos fari. Kaj tamen Ĝi kreis lin, **intence** malperfekta. Tio kio devis okazi, ja okazis :

Homo pekis. Je apogeo de makiavelismo, Dio pretekstis ke Homo estas libera pri sia elekto, kvankam tiu elekto jam estis skribita en la estonteco.

Por elaĉeti tiun eraron, kiu, fake estis propra eraro, kion faris Dio ?

Li kondamnis sian propran filon al la morto laŭ la plej kruelega kiu povas esti : je krucumado.

Kion oni pensus pri homo kiu, por elaĉeti laboron kiun li **intence** malbone faris, mortigus sian proran filon ? Oni konsiderus lin kiel murdiston kaj sadiston.

Neniu kuraĝus diri ke tiu viro estas amo. Tamen, tion oni diras pri Dio.

Ke, en ĉiu homo, estas turmentisto kaj murdisto, tio estas neevitebla, tiel Dio kreis lin.

Sed tio fariĝas grava, kiam milionoj da homoj faras el barbareco virton, kaj volas trudi ĝin al la tuta mondo. Kaj tiel estas por la integrisma Islamo.

Tio okazas por ĉiu kredo kiu sin konsideras kiel ne eraripova, ĉu ĝi estas religia ĉu laika.

Ĉiuj kiuj estis certaj posedi la veron, kapablis la plej terurajn abomenindaĵojn : la tribunaloj de la Inkvizicio bruligis vivantajn kondamnitojn por savi ilian animon, Hitler plenigis la kremaciajn fornegojn por savi la arianan rason, Staline, la ekstermo-kampojn por savi la Revolucion.

Hodiaŭ, tiuj kiuj posedas la veron estas la radikalaj islamanoj, pretaj ĉion fari por trudi sian veron.

Ŝajnas ke nur unu religio eskapis tiun inferan ciklon : Budhismo. Ĝia spirita ĉefo, la Dalai Lamao ne hezitas deklari : « Dubu pri ĉio, komencante per tio kion mi diras ».

Ne estas dubo ke paco regus sur Tero se ĉiuj homoj montrus saman saĝon.

*Jean Marin (Francujo)*

*jmarin_93@hotmail.com*

## Origino de la Burkao

La Burkao venas de la kulto de Astarte en la antikva Mezopotamio … Por honori la diinon de la Fizika Amo, ĉiuj virinoj, senescepte, devis sin prostitui unufoje jare en la sakraj arbaroj kiuj ĉirkaŭis la templojn de la diino. Mustafa Kemal, alinomata Ataturk, unua Prezidento de Turkujo de 1923 ĝis 1938 trovis la bonan ruzaĵon por silentigi la integristojn de sia epoko.

Li nuligis la uzon de la Burkao per tute simpla leĝo kun tuja efiko : ĉiuj turkaj virinoj rajtis sin vesti sin kiel ili deziris. Tamen, ĉiuj prostituitinoj devis porti la Burkaon. Ekde la morgaŭa mateno neniu Burkao estis videbla en Turkujo.

Kaj tio ĉiam validas.

Estas bedaŭrinde ke en Francujo, ne eblas voĉdoni saman leĝon !

*Jean Marin*
*jmarin_93@hotmail.com*

## La mondo de la religioj

Vastega ĝi estas. Uzante kiel bazon la raporton de David Barret, kiu donas, je pli-malpli 5 aŭ 10% proksimume, la samajn nombrojn kiel la aliaj studoj, estas, en la mondo, pli ol 1000 religioj, kun pli ol 33000 variantoj, (anglikanismo, kalvinismo, katolikismo, luterianismo, atestantoj de Jehovo … neeblas citi ĉiujn !) por kristanismo.

La dek plej gravaj :

. kristanoj : 2,3 miliardoj (33000 variantoj)
. islamanoj : 1,5 miliardoj
. agnostikuloj : 1,1 miliardoj (ateistoj aŭ senrelegiuloj)
. hinduistoj : 980 milionoj
. budhistoj : 600 milionoj
. ĉinaj religioj : 440 milionoj
. afrikaj religioj : 100 milionoj
. novaj religioj : 63 milionoj
. siĥoj : 23 milionoj
. israela religio : 15 milionoj

Pri sep miliardoj da homoj, 84% aniĝas je religio.

Kaj ĉiuj kredas, sed je kiu : Alaho, Dio, Viŝnu, aŭ al unu el la 990 dioj de la aliaj religioj ?

Ne gravas, ili estas pli ol ses miliardoj kiuj kredas, pli ol ses miliardoj kiuj fidas, tio signifas ke ili pensas posedi la veron. Ĉiuj aliaj eraras, kaj ĉiuj rimedoj estas bonaj por batali kontraŭ ili.

Rezulte : La konfliktoj kies bazo estas religio senĉese kreskas : 20% de la 198 pristuditaj landoj estis en konflikto en 1910, sed 30 % hodiaŭ (raporto de la Instituto Pew).

Kaj la islamanoj (kaj kiom da aliaj), senĉese malbonigas la teruran sorton kiun ili rezervas al la virinoj.

Kiu aŭdacus subteni ke, hodiaŭ, la religioj alportas civilizacion ?

*Jean Marin*

*jmarin_93@hotmail.com*

## Kio estas la celo ?

Jen demando, kiun verŝajne starigas al si multaj laboristoj, dum ili atendas sian plenŝtopitan trajnon lunde matene en unu el la subteraj stacidomoj de Londono : “Kio estas la celo ?” Fine de septembro ĉi-jare, Brita Humanisma Asocio lanĉis kampanjon por doni nereligian respondon al tiu demando. Dum du semajnoj, ĝi aperigis afiŝojn en cent londonaj subteraj stacioj, kaj poste ankaŭ en aliaj britaj urboj.



La afiŝoj proponas “Penson por la pendolo” el la verkoj de kvar famaj humanistoj : la verkistinoj Virginia Woolf kaj George Eliot, kaj la filozofoj Bertrand Russell kaj A.C. Grayling. (La titolo de la kampanjo en la angla *Thought for the Commute*, t.e. “Penso por la pendolvojaĝo”. Pendoli signifas iri tien-reen kiel la pendolo de horloĝo, kiel faras milionoj da laboristoj ĉiutage.)

La celo de la kampanjo estas montri, ke ekzistas humanismaj respondoj al la grandaj demandoj de la vivo. Almenaŭ parte, ĝi estas reago al konata brita radio-programo “Penso por la tago”, en kiu dum tri minutoj ĉiutage gravaj religiaj aŭ laikaj pensantoj meditas pri aktualaĵoj laŭ religia perspektivo. BBC, la brita radia kaj televida instanco, ĉiam rifuzas petojn de humanistoj aŭdigi nereligian vidpunkton en tiu programo.

Laŭ Andrew Copson, ĉef-estrarano de BHA, ‘Kvankam pli ol duono de la brita loĝantaro priskribas sin nereligia, humanismaj opinioj pri la grandaj demandoj de la vivo ankoraŭ estas multe malpli aŭdataj ol religiaj. En niaj ŝtataj lernejoj, oni instruas religiojn, sed malofte donas saman traktadon al nereligiaj mondrigardoj kiel humanismo. En nia ŝtata elsenda servo, BBC, oni dissendas predikojn kaj preĝojn, sed malofte enhavon kiu diskutas valorojn kaj signifojn laŭ humanisma vidpunkto. Sekve, multaj homoj, kies kredoj esence estas humanismaj, eĉ ne konscias pri tiu fakto.’

Copson esprimis la esperon, ke al homoj, kiuj ne emas aktive pensi pri siaj plej profundaj vivkonceptoj, la kampanjo povus sugesti, ke ekzistas aliaj homoj kun similaj opinioj, ankaŭ gravaj kaj respektindaj pensantoj, kiel tiuj citataj en la afiŝoj.

Por akompani la kampanjon, BHA invitis interesatojn sendi al Tvitero (“Twitter”) foton de si mem apud unu el la afiŝoj, kaj ankaŭ proponi sian personan respondon al la demando.




*(fonto : BHA kaj Alexander Taylor [www.alexandertaylordesign.com](www.alexandertaylordesign.com))*

La afiŝoj :

Kio estas la celo ?

A.C. Grayling :

La signifo de via vivo estas tio, kion vi faras el ĝi.

George Eliot :

Per rideto oni kreas geamikojn; per malrideto oni kreas vizaĝsulkojn. Por kio ni vivas, se ne por igi la mondon malpli malfacila unu por la alia ?

Virginia Woolf :

Mia nocio estas pensi unuavice pri la homoj, kaj lasi la abstraktajn ideojn prizorgi sin mem.

Bertrand Russell :

Jen la sekreto de la feliĉo : viaj interesoj estu kiel eble plej vastaj, kaj viaj reagoj al la aferoj kaj homoj, kiuj interesas vin, estu laŭeble amikaj, ne malamikemaj.

*Anna Lowenstein ( Italujo)*

## La evangeliistoj flegas sian "roboto-fobion"

La usona gazeto *"New Scientist"* rivelas la maltrankviliĝon de la evangelio-kristanoj fronte al la teknologiaj evoluoj anoncitaj de la robotiko : " Rimarkinda invitito ĉijare (en februaro de 2014) ĉeestos la kreisman konferencon organizitan en Norda Karolino. Li ne estas kristana. Li eĉ ne estas homa. Temas pri la homsimila roboto nomata NAO, kiun la seminario de Suda Karolino aĉetis je 11500 eŭroj al la franca societo Adebaran Robotics." Laŭ Kevin Staley, kiu estras tiun projekton, "Laŭ kristana vidpunkto, la fakto ke Jesuo elektis homan formon estas ekstreme grava, kaj tio substrekas la globalan karakteron de la homaj estaĵoj, t.e. ke ili estas kaj korpo kaj menso". La maltrankvilo de la kreistoj estas videble senlima : "Ni proksimiĝas al la



momento kiam ni akceptos ke roboto multmaniere anstataŭas homon. La problemo de la kunedziĝo inter homoj kaj robotoj prezentiĝos, same kiel aperos la disvolviĝo de merkato de robota seksumado.” Signo de malaltiĝo de la averaĝa eduk-nivelo en Usono : la civitanoj kiuj sin deklaras inklinaj al la “kreismo” senĉese multnombriĝas. Ili estas preskaŭ 60% kiuj opinias ke Dio mem donis al la homoj ties nunan formon ...

*el l’Humanité Dimanche*
*tradukis el la franca C.Rivière*

## Novaĵo el Islando : Pensiga parolado anstataŭ kristana meso

*Ĉe la kunveno de ATEO pasintjare dum la UK en Rejkjaviko, la ĉeestantoj ĝuis paroladon de Hope Knútsson, prezidanto de Sidmennt, Islanda Etika Humanisma Asocio, pri laikaj konfirmacioj en Islando. Nun ŝi sendis la sekvan novaĵon.*

Mardon, la 9an de septembro 2014, Sidmennt proponis al membroj de la Islanda Parlamento sekularan alternativon al la tradicia Luterana ŝtata meso en la nacia katedralo, kunlige kun la malferma sesio de la Parlamento. Tio estis la oka fojo, ke Sidmennt organizis tian aranĝon. Ni ĉiam okazigas ĝin en eleganta hotelo trans la strato de la parlamentejo kaj nacia katedralo, kaj regalas la parlamentanojn per manĝaĵetoj dum nia preleganto prezentas mallongan paroladon pri iu grava etika problemo. La ĉi-jara parolado havis la titolon “Ni devas pliboniĝi: la informa revolucio kaj la nuntempo”. Prezentis ĝin Huginn Freyr Thorsteinsson, instruisto pri filozofio ĉe la Universitato de Akureyri, Islando. Sidmennt invitas ĉiujn parlamentanojn al nia alternativa aranĝo. Ĉi-foje ĉeestis dek parlamentanoj el du malsamaj politikaj partioj. En Islando estas 63 parlamentanoj, do tio estis 16% de la tuto.

De kiam ni unue proponis ĉi tiun sekularan alternativon, pli da parlamentanoj elektas ne ĉeesti la religian ceremonion. Sidmennt formale atentigis la islandan parlamenton, ke ĝiaj membroj reprezentas ĉiujn civitanojn de Islando, ne nur tiujn, kiuj estas membroj de la Luterana ŝtata eklezio, kies nombroj rapide ŝrumpas de du jardekoj. De kiam nia organizaĵo estis fondita en 1990, Sidmennt okupiĝas pri disiĝo de eklezia kaj ŝtataj aferoj. En majo 2013, Sidmennt estis jure registrita kiel “vivfilozofia” organizaĵo, kaj niaj geedziĝaj ceremonioj estis jure rekonitaj. De tiam, Sidmennt kreskis de 300 membroj al 900. Nia celo estas fini ĉi tiun jaron kun 1000 membroj.

*Hope Knútsson, prezidanto de Sidmennt*

## Novaĵo el Brazilo :

Brazilo travivas nuntempe la minacon de religiaj fundamentalistaj grupoj novpentekostaj kiuj endanĝerigas eĉ la laikecan karakteron de la lando. Imagu, ke tiaj grupoj komencas ataki eĉ historiajn katolikajn preĝejojn kaj ejojn de afrodevenaj kultoj por malrespekte kaŭzi detruojn pro la fuŝa kialo, ke ĉio temas pri "aferoj de la Demono".

*César Dorneles (Brazilo)*
*la 2an de septembro 2014 ĉe la reto*

# Duboj pri la porkido

La plej bela ateisma libro en Esperanto sen ajna konkurenco estas la infanlibro *Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido*. Bela almenaŭ teknike, kaj precipe pro la kvalito de la ilustraĵoj. Kiel sekretario de ATEO, mi ĉiam montras tiun libreton, kiam mi prezentas nian agadon, ekzemple dum la UK aŭ en nia nova retejo.

La libro temas pri porkido kaj erinaceto, kiuj iras serĉi Dion. Survoje ili renkontas rabenon, episkopon kaj muftion, kiuj kondutas tiel koleriĝeme kaj agreseme, ke la du bestetoj forkuras. Ili konkludas, ke jam mankas al ili nenio, kaj ke ili ne bezonas Dion por esti pli feliĉaj.

Kvankam la libro estas tre bone prezentebla, ĝi enhavas aspektojn, pri kiuj mi ĉiam sentas min iom malkomforta. Mi kutime subpremas miajn dubojn, sed ili revenis al la surfaco pro recenzo pri ĝi aperinta en la germana revuo *Esperanto aktuell* (2014 / 4). La recenzo estis verkita de Rudolf Fischer, aktiva kristano, kiu nature ne aprobus infanlibron kun kontraŭreligia mesaĝo. Legante la recenzon, mi tamen konstatis, ke kun multaj el liaj kritikoj mi bedaŭrinde devas konsenti.

La recenzo havas la titolon: “Rasisma infan-libro en Esperanto”. La difino pri rasismo, kiu malfermas la artikolon, estas tro larĝa: “… rasisto ne toleras homojn kiuj laŭ deveno, haŭtkoloro, lingvo, aĝo, sekso, mondpercepto, ktp. estas por li fremdaj kaj tial de li traktataj per ĝeneraligo, fifamigo, ridindigo kaj humiligo, se ne persekuto, ĉio tute kontraŭ la spirito de Esperanto.” Tiu difino miksas pure rasajn kriteriojn (devenon, haŭtkoloron, eventuale lingvon) kun la pli ĝenerala kampo “mondpercepto”. Tial pro lia fuŝa difino oni povus argumenti kontraŭ la aserto de la aŭtoro, ke ĉi tiu infanlibro estas rasisma. Finfine, ĝi kritikas ne la devenon aŭ haŭtkoloron de religiuloj, sed nur ilian mondpercepton.

Tia respondo tamen estus tro pedanta. Certe Fischer pravas, ke fifamigo, ridindigo kaj humiligo kontraŭ aliaj mondrigardoj ne havu lokon en infanlibro, kaj ke tia aliro kontraŭas la spiriton de Esperanto. Li konkludas: “La kulmino de misuzo de la libreto estas ĝia traduko al Esperanto, kiun Zamenhof kreis por subteni reciprokan respekton de anoj de ĉiuj mondperceptoj.” Efektive mi ne povas imagi, ke la aŭtoro de Homaranismo estus aprobinta ĉi tiun libreton.

Kaj cetere, mi ja trovas, ke la libro enhavas elementojn, kiuj limas kun rasismo. La ilustraĵoj de la rabeno malagrable memorigas pri fifamaj karikaturoj de judoj el konata malfeliĉa epoko de la germana historio. (La libro, cetere, aperis unue en Germanujo.) Mi mem sukcesas malvolonte engluti ilin, nur ĉar la karikaturoj de la episkopo kaj la muftio estas same kruelaj.

Teorie eblas distingi inter religio kaj popolo, alivorte atako kontraŭ la principoj de Islamo ne signifas pli ĝeneralan atakon kontraŭ turkoj en Germanujo aŭ pakistananoj en Britujo. En la realeco tamen, la du konceptoj estas miksitaj en la menso kaj de la ĝenerala publiko kaj de la koncernatoj, tiel ke kritiko kontraŭ religiaj kredoj kaj praktikoj tre facile glitas al atako

kontraŭ tuta homgrupo. Tial, kiam oni kritikas iun religion, necesas preni en konsideron la situacion de tiu religio en la koncerna lando. Ĉu ĝi apartenas al la reganta plimulto, ĉu al sendefenda minoritato ? En Eŭropo kaj Ameriko, ekzemple, kie kristanismo estas la ĉefa religio, eblas kritiki ĝin sen risko pri miskompreno. Sed en lando kiel Somalujo aŭ Sudano, kritiko pri la kristana religio povus esti signalo por persekutado, eĉ por amasbuĉado. Simile, en landoj kie judoj kaj islamanoj troviĝas en malplimulta situacio, estas risko, ke kritiko kontraŭ iliaj religiaj principoj, eĉ se prava en si mem, foje povas maski malamon kontraŭ la tuta homgrupo – kiel nuntempe ofte okazas rilate al islamanoj en eŭropaj landoj.

Cetere, la libro argumentas kontraŭ religioj kaj religiuloj per kruda prezento de la plej ekstremismaj opinioj, kvazaŭ ĉiuj judoj laŭvorte kredus la rakonton pri Noaĥo, dum ĉiuj islamanoj fizike minacus tiujn, kiuj pridubus la veron de ilia religio. Same kiel la ilustraĵoj montras karikaturon de la homoj, la teksto prezentas karikaturon de iliaj kredoj.

Sed, krom ĝia eventuala rasismo, ankaŭ alian dubon mi havas rilate al la Porkido, kaj ankaŭ tion tuŝis Fischer en sia recenzo. Li skribis : “… ĝi donas ja la (malĝustan) impreson, ke ‘liberpensantoj’ estas same kiel religiaj fanatikuloj rasismaj kaj maltoleremaj, ne kapablaj en paco vivi kun alipensantoj en nia komuna mondo.” Por esprimi la aferon pli rekte, ĉu per bele ilustrita libro ni ateistoj instruu al junaj infanoj moki kaj piki homojn kun malsamaj opinioj, eĉ se tiuj opinioj efektive estas nesubtenindaj ? Ĉu ni kapablas transdoni nian mondkoncepton al niaj infanoj nur per kritiko kontraŭ aliaj, t.e. laŭ maniero ne pozitiva, sed nur negativa ?

Kiam miaj infanoj estis malgrandaj, mi provis agi laŭ la principo, ke mi ne trudu al ili miajn personajn opiniojn pri religio (kaj ankaŭ pri politiko), sed devos lasi ilin mem formi siajn opiniojn pri tiuj temoj, kiam ili estos sufiĉe maturaj. En la praktiko, mi trovis, ke tio estas neebla. Infanoj nature emas ensorbi la mondrigardon de la gepatroj, eĉ se tiuj ne rekte instruas aŭ asertas ĝin. Kaj, cetere, religiuloj tute ne hezitas transdoni siajn kredojn al siaj infanoj: male, ili konsideras tion devo. Ni vivas en socio, kiu konstante trudas religiajn konceptojn kaj simbolojn al infanoj, eĉ en la lernejo. Mi konstatis, ke necesus aŭ rigardi silente, dum aliaj homoj formus la menson de miaj infanoj, aŭ ke mi devus iugrade transdoni ankaŭ mian opinion. Mi tamen provis honeste prezenti la fakton, ke ekzistas aliaj vidpunktoj krom la mia.





Ĉiuokaze, sen neceso pri cerbolavado aŭ atakoj kontraŭ religiaj kredoj, ni ateistoj havas sufiĉe por rakonti al niaj infanoj. Oni ne bezonas religion por paroli pri la valoro de la vivo, pri la justa traktado de la homoj kaj aliaj vivantaj estaĵoj, pri respekto al la mondo ĉirkaŭ ni. Kaj krome, ankaŭ ni havas nian poezion. La granda praeksplodo, la neimagebla vasteco de la universo, la ekesto de nia Tero, la evoluo de la bestoj kaj de la homo : ĉio ĉi konsistigas rakonton same grandiozan kiel iu ajn fabelo el la Biblio. Kun edukado bazita sur scienco kaj racio, estas malverŝajne ke niaj infanoj poste ekkredos, ke la universo estis kreita de iu dio.

*Anna Lowenstein ( Italujo)*

*Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido* de Michael Schmidt-Salomon kaj Helge Nyncke. Esperanta traduko de Libera Pensantino. 1a Esperanta eldono 2011 ĉe Alibri Verlag, Aschaffenburg, Germanujo. ISBN 978-3-86569-141-5

36 paĝoj, kartona, multkolore ilustrita 12,00 €
Libro por ĉiuj, kiuj ne akceptas trompojn
Por antaŭrigardi kaj pro aldona informo :
http://porkido.wordpress.com

***Alia opinio pri la libreto sub formo de respondo :***

Estimata Anna Löwenstein,

Unue mi deziras mencii la grandan admiron kaj respekton, kiujn mi sentas por vi. Dirinte tion, mi volas klarigi ke, post la legado de via respondo, reage al la recenzo de sinjoro Rudolf Fischer kaj titolita "Duboj pri la porkido", laŭ mia humila opinio, tiu respondo estas tro tolerema.

Mi pensas ke tiu sinjoro, pro lia universitata eduko, devas koni ege bone la historion de lia eklezio, do li devus esti pli prudenta antaŭ ol akuzi aliajn pro rasismo.

Eĉ ni, la virinoj, homara duono, kion ni povas diri pri "tia rasismo" ? Ĉiam premataj ĉie, kaj formetitaj, delokitaj de la eklezio, institucio absolute masklisma, kies membro sinjoro Rudolf Fischer estas.

Pri ridindigo, la libro ridindigas nur tiujn, kiuj timigas infanojn, kaj per tiu parodia kaj alloga fabelo, la libro denuncas ilin. Mi, eks-ina-infano, kaj nuna maljuna virino, plezure aplaŭdas ĝin.

Ŝajnas ke la religioj havas pli bonan rilaton al timo kaj al angoro ol al humuro, do tiukaze la ŝerco kaj la rido povas esti la plej taŭgaj rimedoj por timigi la timon.

"Homaro kaj Humuro", eĉ fonetike, ŝajne volas interkonsenti. Do, estus bone ke la homaro renkontiĝu kun la humuro, kiu estas ne nur senkosta trezoro, sed ankaŭ kiun ne eblas aĉeti per mono. Ĝi estas inter la plej efikaj kaj sanigaj terapioj.

Sinjoro Rudolf Fischer plendas ke la libro prezentas ilin kiel "iom frenezaj", sed ĉu estas sensencaĵo difini tiujn per tiu-ĉi esprimo, kiam ili asertas, kaj senĉese reasertas posedi la VERO-n, kaj poste fariĝas nervozaj, eĉ koleraj, pro la evidenta nekapablo respondi infanajn demandojn ?

La fakto ke ili trudas, profitas de infanoj, ne nur fizike, sed ankaŭ mense, timigas ilin, devus esti delikto, ege puninda kaj punenda, sed tiuj, kiuj dediĉis sin al timigado de infanoj kaj ankoraŭ timigadas ilin, ĉiam restis kaj restas senpunaj kaj tutpovaj.

La katolikaj pastroj de mia infaneco, teorie parolis pri la infero post morto, en la alia mondo ... Tamen, praktike, ili havis la malbonan kutimon transporti la inferon al Tero. Tiamaniere, ili povis havi la homojn — kiuj jam naskiĝis en peko — maltrankvilajn, timigitajn ekde la lulilo ĝis la tombo. Sekve, ili estis ne nur pastroj, sed ankaŭ mastroj.

Ni devas profiti tiun epokon, kiam, ŝajne ni ankoraŭ povas kritiki, paroli tiamaniere kaj eldoni tiajn librojn, ĉar la eklezio nun ne funkcias tiel, kiel ĝi antaŭe funkciis, per la bruligantaj flamoj kontraŭ la sorĉistinoj kaj la herezuloj. Nun ili nur insultas nin nomante nin "rasistoj". Feliĉe ... !

Tiu potenca religio, monafera entrepreno, kiu nenion kaj neniun respektas, kiu malpermesis al homoj koni kaj ĝui siajn proprajn korpojn, kiu invadis nian intimecon, ŝtelis nian "animon", kreis en la plej profunda angulo de nia eno grandegajn sentojn de kulpo, kaj kiu tiom suferigis nin, tiu ne rajtas postuli respekton. Male, ĝi devus peti pardonon.

Nun multaj infanoj jam ne estos rekte timigataj de la pastroj per punoj de eternaj fajroj, ĉar ili ne ĉeestas en la preĝejo. Tamen tiel, kiel vi asertas, la religiaj premoj estas ege evidentaj socie, do tiu libro povas resti ege taŭga interne de la literaturo por niaj infanoj. Kiam ili demandos al ni pri tiu temo, ni rajtas rakonti al ili niajn proprajn vivojn, kiujn ankaŭ ili rajtas koni. La religioj ne rajtas fari ion ajn, kion oni ne rajtas rakonti, ĉar se tio okazas, tio signifas ke ili malbone agadas. Tiuj, kiuj fieras posedi la VERO-n, ne estas en pozicio por poste ĝin nei aŭ kaŝi ĝin.

Do, ni transdonos al niaj infanoj niajn konojn, niajn proprajn travivaĵojn, ni parolos al ili pri la historio de la religioj — oftege, terura historio — kaj, kompreneble, kiel vi bone diras, ni interparolos pri tiu alloga, magneta, mistera universo, kiu tiel forte altiras nian scivolemon, universo sen komenco nek fino en la tempo, sen limoj en la spaco, sen loko por homforma "Kreanto".

Krome kaj precipe, ni instruos niajn infanojn pri la graveco kunvivi, kun aŭ sen religio, sed bone kaj pace kun la homaro sur la planedo Tero, "Nia Domo", praktikante la konsilon donitan al ni de tiu simpla esprimo :

— "Vivi kaj lasi vivi".

Tiu principo perfekte kongruas kun la spirito de Zamenhof.

Mi esperas kaj deziras, ke la libro *"Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido"* veku grandan debaton, kiu, fine, la rezulto estu, ke neniu povu timigi infanojn pere de sadismaj elpensaĵoj.

*Miren Elizagarai*

## La Biblio
## ĉu historio ? ĉu legendoj ?

Mi ne estas fakulo pri bibliaj studoj. Mi estas nur raciisto, kiu provas klarigi al si la mondon per rezonado laŭ komuna prudento. Tio sufiĉas laŭ mi por kompreni la pravon de la ĝenerala ideo de André Cherpillod en ĉi tiu kampo : la Biblio kaj la Evangelioj estas fasko da legendoj, tra kiuj oni devas lukti por trovi la historiajn faktojn, al kiuj ili foje (pli en la Biblio ol en la Evangelioj) aludas. Mia granda surprizo estas, ke nombrego da homoj tamen opinias ilin historiaj veroj, eĉ laŭliteraj veroj. Komuna prudento evidente estas varo relative malofta.

Cetere, leginte la libron de Cherpillod, mi ne povas konvinki min uzi la terminojn konsilatajn de PIV : Malnova kaj Nova Testamentoj. Ili estas simpla mistraduko.

Dirinte tion, mi ne havus multon por prikomenti, sed nur deziri, ke lia verko estu per ĉiu rimedo puŝata de nia ateisma asocio al ĉiureligia religiulo, ĉar ĉiu religio posedas saman kvanton da legendoj, kiujn oni kontrabandas kiel faktojn. Tre bela ekzemplo estas la ventro de la patrino de Budao, kiu estis travidebla, tiel ke en ĝi oni povis vidi la feton en la lotusa pozicio, por ne paroli pri la maniero, laŭ kiu elefanto kun lotuso en la nazego eniris ŝin...

Dirinte tion, tamen mi volas reliefigi kelkajn aspektojn de la libro de André Cherpillod. Kiel esperantisto mi aparte interesiĝis pri la esperantigo de la bibliaj nomoj (en paĝo 4-a kaj sekvaj) kaj mi pensas, ke ĝenerale la sinteno de Cherpillod estas ankaŭ la mia : ju pli la nomoj redonas la sonon de la hebrea aŭ greka originalo, des pli bone. Esperantistoj evidente ĝuos ankaŭ la tutan duan ĉapitron “En la komenco estis la hebrea lingvo”, kiu montras la mirindan klerecon de la aŭtoro rilate al la mezorientaj lingvoj de la pasinteco kaj de la nuno. Se vi volas scii, al kiu grupo de la ŝemidaj lingvoj apartenas la ugarita lingvo, jen la libro por vi.

Kiel pensanto pri la transiro de plurdieco al unudieco (la granda trajto de la judoj) mi trovis la sugeston de teorio, laŭ kiu Moŝeo estus egipto (en paĝo 4-a kaj sekva), tre pensinstiga kaj ankaŭ laŭ mi verŝajna. Do la koncepto pri unudieco estis intelekta akiro de kelkaj egiptaj faraonoj, sed Moŝeo, kompreninte, ke Egiptujo ne fariĝos komplete unudia, gvidis grupon de homoj (li trovis ilin inter la sklavoj) al eksterlando por fondi unudian socion. La libro pli detale klarigas tion kaj donas indikojn pri la ebla egipta deveno de lia nomo.

Kiel homo, kiu aŭskultis dum la tuta infaneco citaĵojn el la evangelioj, mi aparte ŝatas la klarigojn pri la miteco de ĉiu aspekto de tio, kion mi aŭdis. Ĉu vi povas kredi, ke la kruco mem, tiu simbolo de la kristana religio, kiun ĉiu amas aŭ malamas tra la mondo, ne vere ekzistis, ĉar oni krucumis homojn alimaniere ?

Mi havas kelkajn rezervojn pri unu-du detaloj. Cherpillod ŝajne emas agnoski la aŭtentecon de la Mortotuko de Torino, la tuko en kiu laŭdire estis envolvita la korpo de Kristo (en paĝo 125-a kaj sekva). Mi mem pensas, ke la oficiala starpunkto pri tio, ke ĝi estas io kreita en la Meza Epoko, aperas pli verŝajna. Male, pri la letero de Plinio la juna al la imperiestro Trajano, en kiu Plinio rakontas, kiel li rilatas al la kristanoj, kaj petas aprobon de la imperiestro (en paĝo 125-a kaj sekva), mi ne povas konsenti kun Cherpillod, ke la letero estas falsaĵo, ĉar Plinio verkis amasegon da leteroj al la imperiestro pri la

plej banalaj administraj aferoj.

Temas, kiel vi vidas, pri tre flankaj aferetoj, sed mi varme rekomendas al ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la judaj kaj kristanaj sanktaj libroj aŭ simple pri la lingvaj aspektoj de tiuj libroj, nepre legi ĉi tiun verkon de André Cherpillod.

*recenzis Renato Corsetti (Italujo)*




André Cherpillod, ***La Biblio – ĉu historio ? ĉu legendoj ?***, Courgenard : Eldono de la Blanchetière, 2008, paĝoj : 188, prezo ĉe la libroservo de UEA 15,00 eŭroj

# ATEO bezonas novan simbolon !

La simbolo de ATEO estas, aŭ ĝis nun estis, grafikaĵo prezentanta atomon, kun interne la Esperanta stelo. Tiu grafikaĵo – tamen sen la verda stelo ! – fariĝis vaste uzata simbolo por ateismo. Ĝi baziĝas sur “la atomo de Rutherford”, kiu montras la orbitojn de elektronoj ĉirkaŭ nukleo.

Tiel ni alvokis en la lasta numero, al propono de aliaj ŝildoj. Fabiano Corsetti rapide proponis duopon da. Siaflanke Nikolao Gudskov prezentas siajn dubojn pri la utileco ŝanĝi la nunan.




## Nova simbolo por ATEO

Leginte la lastan numeron de la bulteno, mi rimarkis la konkurson por krei novan simbolon. Jen du proponoj. La unua estas modifo de la simbolo “Feliĉa homo” uzata de British Humanist Association. Tiu asocio fakte kreis ĝin kaj posedas la kopirajton, sed en ĝia retpaĝaro estas

skribite, ke “oni rajtas libere uzi ĝin por ilustri Humanismon aŭ aludi al ĝi. Aŭtentikaj humanismaj asocioj rajtas adapti aŭ modifi ĝin por sia propra uzo.” Pli da informoj pri ĝi troviĝas en la angla, arablingva, itala, norvega kaj portugala vikipedioj. (La angla artikolo estas legebla ĉe :
http://en.wikipedia.org/wiki/Happy_Human

La dua baziĝas sur la matematika simbolo por malplena aro, kiun oni foje uzas kiel simbolon por ateismo. En la aro-teorio, malplena aro estas aro kiu ne enhavas elementojn (vidu
http://eo.wikipedia.org/wiki/Malplena_aro),
do tio ankaŭ povus reprezenti universon sen dioj.

*Fabiano Corsetti (Italujo)*

## Pri la simbolo

Mi havas grandajn dubojn pri la neceso ion ŝanĝi.

Unue, la simbolo jam ne estas aŭtente tia, kian uzas la usonanoj, ĉar ĝi ja enhavas verdan stelon. Kaj malgranda ŝanĝo jam estas ŝanĝo (ekzemple, diversaj landoj havas sur blazonoj aglojn, kelkaj eĉ mutaciintajn dukapajn aglojn, sed tio ne elvokas koncernajn kverelojn inter Rusio kaj Aŭstrio).

Due, Usonaj ateistoj apenaŭ procesos : kiam la Ateista Societo de Moskvo (ATOM, ĉar ruse "ATeistiĉeskoje Obsĉestvo Moskvy") ekuzis la simbolon, kaj metis ĝin sur kovrilon de sia revuo, ĝuste la Usona ateista societo helpis eldoni la unuan numeron ! Do, ili ne estas skandalemuloj, kaj apenaŭ procesos kontraŭ kompatindaj esperantistaj samideanoj.

*Nikolao Gudskov (Rusujo)*

Karaj abonantoj de Ateismo,

Baldaŭ komenciĝos la nova jaro 2015. Krom se vi jam faris, jen venas la momento *(vidu sube de la kovrila dorso).* Ju pli frue, des malpli da risko forgesi.

Koran dankon.

# *Ateismo*

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo



Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro : ateismo@orange.fr


Por informoj : **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org
via del Castello 1, 00036 Palestrina, Italujo





*Jarkotizo : 10 € por A-landoj*
*8 € por B-landoj*

*Konto* ***ateo-y*** *ĉe UEA*